2005.06.21

# Argentina E-Vento

10-a jaro n-ro 22 Oficiala organo de Argentina Esperanto-Ligo 2005 [2]

## Vintras en Argentino



Poetoj kaj verkistoj ĉiam estis ravita de la "vintra neĝo" eĉ en Esperanto. Do, ekde la norda Poluso ĝis la suda Antarktio malmultaj homoj povas diri: "mi ne konas neĝon"

Tamen en Argentino, pro ĝia longa teritorio, en kelkaj subtropikaj provincoj neniam neĝis, do, dum vintro argentinanoj profitas siajn feriojn por viziti la sudon: *Bariloche, Mendoza* aŭ *Neuquén.* Sed en la nordaj provincoj, pro tio ke la malvarmo estas modera, tiuj lokoj estas pli alloga por kiuj ne ŝatas troan neĝon, i.a. *Salta, Jujuy, Misiones, Chaco, Entre Ríos*, havas tre specialan ŝancon por turismado.

Kien vi iros ĉijare por viziti? Legu *Pasporta-n Servon-n*, eble vi havos la eblon gastigi ĉe esperantistoj kaj koni ion pri Argentino. "Vizitu" ttt-ejon: www.admirindaargentinio.ifrance.com/admirindaargentinio

* *[Sur foto televidaj steluloj en Bariloche]*

# Argentina E-Vento

10-a jaro n-ro 22 2005 [2]

Oficiala organo de
Argentina Esperanto-Ligo
[Argentina Esperantisto 1917]

**Redaktoro** -ekde 1996-
*Rubén T. Diaconu Tkachenco*
E-mail: rubendiaconu@yahoo.com.ar
Kunlaborantoj:
*Rubén Sánchez k Fernando Inocencio*

Pri subskribitaj artikoloj
respondecas iliaj aŭtoroj

**Argentina Esperanto-Ligo**
Fondita la 12-an de aprilo 1941
Re-fondita surbaze de AEL-AEA
la 9-an de decembro 1995
**TTT-ejo: www.esperanto.org.ar**

## AEL-Estraro

Prezidanto
*Alcides P. Wentinck*
Vicprezidanto
*René Arce*
Sekretario
*Roberto Sartor*
Vicsekretario
*Fernando Inocencio*
Kasisto
*Mario José Miranda*
Vickasisto
*José B. Dioguardi*

## Komisiitoj

Instruado: *Rubén Sánchez*
Libroservo: *R. Arce*
Disvastigado: *S. Rottenberg*
Arĥivo: *Berna Morzán*
Komitatano A: *M. Casartelli*
Ĉefdelegito: *R. Sánchez*
Kotizperanto: *M. J. Miranda*
Argent-EJO: *Elisa Vázquez Abraham*

## El la Redaktejo

Kiel ĝis nun ni daŭre eldonos "Retan" kaj "Paperan" versiojn. Tamen, pri la **eksterlandaj** kontaktoj ni konstatis ke la poŝto fuŝe agis ĉar preskaŭ neniu ricevis la antaŭajn numerojn. Pro tio ekde nun ni sendos ĉiujn en decembro, kune kun la n-ro 4. Bonan legadon!

## Agradecimiento

AEL agradece por las siguientes adhesiones y colaboraciones recibidas:
A. Aune, L. Barth Neiman, I. Beaumont, M. Casartelli, J. A. Diez, J. Dioguardi, A. Lara, N. Monasterio, NN., C. Prudkin, B. Romero, S. Rottenberg, M. A. Ruffinengo, R. Sánchez, R. Sartor, A. J. Valle, A. P. Wentinck, F. Zilli.

## Cómo enviar su adhesión

Si Ud desea abonar su adhesión o colaborar con las tareas de AEL envie su donación mediante depósito en Banco Francés, -sin costo-, cuenta N° 147-005789/3, a nombre de:
Alcides Pieter Wentinck - DNI 93.709.394 -
Calle Libertad 3226
B1602DJD Florida - Vicente López, Bs. As.
y luego informe sobre dicha operación.

Si desea colaborar con la edición y distribución de la revista AE-Vento también puede enviar su contribución mediente el "Banco Patagonia" depositando su aporte en "Caja de Ahorro" suc. 110, Sáenz Peña, cuenta N° 394101439, del Sr. Oscar C. Monge, [sólo se descontará $ 4,84 como gasto bancario por depósito]. Rogamos informar sobre su operación a esta redacción:
<rubendiaconu@yahoo.com.ar>
Muchas gracias a todos los colaboradores.

## AEL Jarkotizo

Individua Membro:.......$ 20,00
Junulo kaj Emerito:.......$ 10,00
Virtuala Membro
-kaj donacoj-: ............... laŭvole

# La lingvo Esperanto kaj la Papo

## EL PAPA QUE HABLABA ESPERANTO




***Je la nomo de la Patro, kaj de la Filo, kaj de la Sankta Spirito, tiel estas!***
***En el nombre del Padre, del Hijo y del Espíritu Santo, Amén!***

"Karolo Wojtyla esparcía **cada domingo** esta bendición en Idioma Internacional ESPERANTO y en otros 25 idiomas en la plaza de la Ciudad del Vaticano. Juan Pablo II aprendió ESPERANTO desde joven y como Cardenal de Cracovia, Polonia, fue presidente de la Asociación de Esperantistas Católicos. En agosto de 1977 ofició en esperanto la Santa Misa durante el 37° Congreso Mundial de Esperanto reunido en Chenstokovo, Polonia"

*El Periodiko,*
*www.elperiodiko.20m.com/index.html*
*Enviado por Pablo Costa,*
*San Carlos de Bariloche*

## FALLECE EL PAPA JUAN PABLO SEGUNDO

Pocos saben que apoyaba al idioma internacional esperanto, como solución al imperialismo idiomático.

El esperanto se aprende en 50 horas, versus 3000 horas de inglés o español.
La Academia Internacional de Ciencias, RSM, en México, apoya también este idioma genial.

El Prof. Luis Cordova Arellano ha introducido este idioma esperanto en la UNAM de México DF. El esperanto se habla en todo el mundo y ha sido aprobado por la Unesco tres veces, habiendo sido vetado luego por los actuales gobiernos de Inglaterra y Estados Unidos.

Sin embargo, el pueblo de esos mismos países ha decidido que el movimiento por el esperanto en ellos esté entre los más importantes del planeta.

*Rubén Feldman-González M.D.*
*Diplomate of the American Board of Psychiatry-Neurology*
*Associate Professor in Psychology and Psychiatry- AIS- RSM*
*International Academy of Sciences-Republic of San Marino*
*Candidate to the Nobel Peace Prize*
*www.unitaryperception.org:*
*www.institutodeesperanto.com.ar*
*rufegon2002@yahoo.com*
*www.unitaryperception.org*
*www.percepcionunitaria.org*

## ESPERANTISTOJ ĈE VATIKANO. *[vidu foton]*

ITALIO. INFORMITALE 43
[Oficiala inform-servo de Itala Esperanto-Federacio]

Ne okazis la tradiciaj plurlingvaj bondeziroj de Papo Johano Paŭlo la 2-a

al la mondo, okaze de la Pasko de la okcidentaj Eklezioj. Tiun en Esperanto atendis la grupeto de esperantistoj kiuj, jam nun tradicie, ĉeestas Paske kaj Kristnaske, en placo Sankta Petro kun siaj paneloj kiuj konsistigas la vorton Esperanto.

Tio tamen ne limigis la entuziasmon de niaj samideanoj, gvidataj de Giovanni Conti, kiuj levis siajn panelojn. Diference ol la pasinta Kristnasko, ĉi-foje la televido montris ilin mondovizie. Se vi ne vidis ilin:
<www.ikue.org/pasko2005/pasko2005.html>
<ikue_romo@yahoo.com >

**Informitale:** Itala Esperanto-Federacio, <fei@esperanto.it>
Itala Esperantista Junularo - <iej@esperanto.it>
via Villoresi, 38 I-20143 Milano - http://www.esperanto.it
Kontribuojn sendu al: f.amerio@libero.it
Kompilanto: Francesco Amerio: <f.amerio@libero.it>

## FORPASIS LA PLEJ ESPERANTA PAPO

Papo Johano Paŭlo serene mortis en Romo la 2-an de aprilo. Li restos en la memoro de la esperantistaro interalie ĉar li aprobis la uzon de nia lingvo por la tuta katolika meso (la oficialigo de Esperanto eĉ helpis al la oficialigo de kelkaj minoritataj lingvoj); li benis ĉiam en Esperanto je Kristnasko kaj Pasko, ekde printempo 1994; kaj li restos, speciale por ni Esperantianoj, kiel brila ekzemplo de transnacia identeco.

Omaĝe al lia memoro, la redakcio de HeKo dissendas kiel aldonaĵon 30-sekundan sontrakon kun la voĉo de Papo Johano Paŭlo okaze de lia lasta beno “urbi et orbi”. La krio "Vivu la Papo!" venas el la buŝo de sen. Andreo Montagner, kiu mem disponigis la fragmenton, el la Vatikana Radio.

Funebras la Blanka grupo de la Civita Senato: Vinko Oshlak, Nelly Holevitch, Anna Lászay, Alessandro Beltramini. Aliĝas al la funebro ĉiuj kandidatoj de la Blanka Listo 2001.

La Konsulo de la Esperanta Civito, prof. d-ro Walter Zelazny, post konsultiĝo kun la ĉefoj de la politikaj grupoj de la Parlamento esprimos en la funebra deklaro la pozicion de la Civito pri la politika, spirita, morala kaj lingvo-kultura verkoj kaj agoj de Papo Johano Paŭlo la dua. Lia deklaro aperos en la sekva numero.

*Heroldo Komunikas n-ro 265 [2005-04-04] <www.esperantio.net>*

## NOME DE AEL,

kaj nome de la esperantistoj el nia lando, ni kondolencas kun la tuta kristanaro pro la forpaso de la Papo Johano Paŭlo la 2-a., esperantisto kaj disvastiganto de Esperanto.

Pri la afero legu raporton de IKUE:
http://www.ikue.org/tit912_03.html

*AEL informas*

## NOVA PAPO POR LA 3-A JARMILO

La blanka fumo en Vatikano, la 19-an de aprilo 2005, “diris al la mondo” ke jam estis elektita novan Papon por la Katolika Eklezio: Josef Ratzinger, el Bavario, Germanio. *[Vidu paĝo 16]*

Sub la nova nomo BENEDIKTO la 16a Li estos la gvidanto de granda parto de la kristana homamaro.



# Salutvortoj de la AEL-Komitato

Karaj Kun-samideanoj:

Post la jara februara Asembleo de AEL, la Komitato pli bone konscias ke nia landa LIGO, nur povas kaj devas ĉefe aŭspicii, akompani, helpi kaj kunordigi agadon de ĉiuj individuaj kaj grupaj volontuloj de nia landa Esperanto-Movado.

* La LIGO prenas ĉefe la taskon reprezenti Argentinan Movadon antaŭ UEA, helpe de la ĈEF-DELEGITO kaj la KOMITATANO.

* La KOMITATO klopodas ankaŭ reprezenti oficiale la Movadon antaŭ ĉiuj instancoj de la Nacia Registaro kaj de aliaj publikaj asocioj kun similaj celoj; tio estas: instruado kaj disvastigo de la internacia lingvo Esperanto kaj siaj idealoj. Pro tio ni daŭrigas niajn klopodojn stabli oficialan nacian LERNEJON de Esperanto, laŭ jure funkcianta, ĉar nur tio ebligos al ni ricevi subvenciojn aŭ stipendiojn de la Nacia Registaro aŭ internaciaj instancoj.

* La KOMITATO, daŭrige informas al movadanoj pri la ĉefaj linioj de UEA internaciaj planagadoj, klopodante ke ni laboru iom pli organizite kaj profesie.

Do, NUN ni devas publike danki al ĉiuj volontuloj kiuj dediĉas sian tempon al la instruado kaj disvastigo de la lingvo en ĉiuj kampoj, kaj sindoneme kunlaboras.

Ni do petas, ke ĉiu informu publike pere de nia komuna listo <argent-reto> pri ĉio kio okazas en la lando. Ni pro ekonomiaj kialoj preferas uzon de interreto: sed viaj leteroj ĉiam estas bonvenaj, ankaŭ al redaktoro de nia revuo.

La komitato volus ankaŭ rimarki pri:

- La lastatempaj klopodoj organizi instruadon de Esperanto en la Skolta Movado, kiun rekte prizorgas Daniel Marcelo Lucero, nun Delegito de SEL en nia lando.
- La kunlaboradon de volontuloj kiel helpintruistoj en la retkursoj, ĉefe de Argentina Instituto [Kordobo] kaj de NESTO, kies reprezentanto en la lando estas Miguel Ruffinengo.
- La kunlaboradoj de la RETO DE DELEGITOJ de AEL en la tuta lando, ankoraŭ en fazo de organizo, kiel rektaj reprezentantoj de la Komitato.
- La normala apero de la AEL-revuo: *Argentina E-Vento*, danke al sindediĉo de sia redaktoro, kie ĉiuj povas profiti verki Esperante aŭ hispane pri niaj aferoj.
- Ebla partopreno en la Nacia Kongreso de Esperanto en Porto Alegre, Brazilo: por pliigi interkunlaboradon en la Merkosudo kaj la tuta Ameriko.
- Kaj finfine la rekta kunlabora agado de Komitatanoj, por solvi kelkajn problemojn en la sidejo de Bonaero, oficiala sidejo ankaŭ de AEL

Elkore salutas:

*Alcides P. Wentinck, prezidanto*

*Roberto Sartor, sekretario.*

## Feria Internacional del Libro en Buenos Aires

Aunque no fue posible tener un stand propio para promocionar el esperanto en esta importante feria internacional, nuevamente este año pudo distribuirse un folleto y algunos carteles invitando sobre todo al estudio del esperanto por Internet. AEL, sigue con su objetivo de lograr tener anualmente un stand propio en esta feria y en otras del interior del pais. En Buenos Aires, 1.200.000 personas visitaron este año la feria.

## El esperanto en Concepción del Uruguay

La Prof. Liliana Poggio, Delegada de AEL, ha organizado un curso de Esperanto en la sede de la Universidad Nacional de Entre Rios, dictado por el Prof. Luis Dimas Arroyo. Gracias a los cursillos de esperanto dados por la Profesora Hester Guiot, se han formado ya tres *"E-Rondoj"* de esperanto: en Concepción del Uruguay, Villa Elisa y Colonia San José.

## El esperanto en Ushuaia, *[Tierra del Fuego]*

La *"Usuahia E-Rondo"* se afianza cada día más, bajo la coordinación del "AEL-Delegito" Sergio RODRIGUEZ y gracias a la propaganda efectuada por Internet, ha recibido material de enseñanza y libros que constituirán el comienzo de la biblioteca de esperanto en la sede universitaria local.

## Hester Guiot Vizitis Bonaeran E-Asocion

BUENOS AIRES. Post siaj "someraj kursoj" de Esperanto en urboj de *Entre Rios*-provinco, s-ino Hester Guiot, vizitis nin en Bonaero, antaŭ sia reveno hejmen al *Torino*, Italio. Danke al ŝia laboro, la "Esperantaj Rondoj" de *Entre Rios*, jam bone funkcias, ĉiuj komencantoj havas retaliron, kaj lernantino Liliana Poggio estos AEL-delegito.

Grupo da skoltoj ankaŭ estis kontaktita.

La laboro de instruado devas daŭrigi fare de niaj ret-instruistoj kun personaj kontaktoj, individue kaj kun la grupoj. Tri publikaj bibliotekoj, -de *Concepción del Uruguay*, *Villa Elisa*, kaj *San José*-, pretas ricevi Esperantajn manlibrojn, vortarojn, revuojn, ktp.

Kun vera profesieco kiel instruistino, s-ino Guiot, donis al la liston de ĉiuj gelerantoj kaj informon pri la programo de instruado kaj organizo de la grupoj ene de la Esperanto-movado.

Ni persone dankis al s-ino Hester sian sindediĉan laboron, kaj AEL-komitato decidis ke ŝi estu "Honora Membro" de nia landa movado.

## Vizitoj de Eksterlandaj Esperantistoj

Ĉar **Bonaero** estas la ĉefa pordo de eniro en nia lando, la plej parto de esperantistoj kontaktas ĉefe la samideanaron de la urbo, kaj foje estas gastoj.

Danke al Pasporta Servo inter la eksterlandaj ges-anoj kiu vizitis nin oni povas mencii: s-inon Susan Wilkins, el Britio, kiu vojaĝis ankaŭ al *Ushuaia, Calafate, Bariloche kaj Iguazú*; s-ro Javier Alonso, hispana profesoro en Francio, kiu vojaĝis ankaŭ al *Rosario, Códoba, Villa Mercedes - San Luis, Mendoza, Neuquen kaj Bariloche*. Fratoj Miguel kaj Juan Hernández el Kosta Riko; prof. d-ro José R. Arze, el Bolivio. Enrique Ellemberg, el Kalifornio, USONO; Inĝeniero Clair Mahé, el Francio; Francisco Veuthey, el Rotterdamo, kiu vizitis ankaŭ *Chaco* kaj *Córdoba*; Ilson Pereyra el Brazilo; kaj el Jugoslavio du filmistoj kiu faris dokumentaron pri Tibor Sekelj dum sia loĝado en Argentino

## E-Kursoj

CÓRDOBA. La baza kurso de Esperanto en *Córdoba*-urbo, komencis merkrede la 6-an de aprilo 2005 ĉe la sidejo de emerituloj *Hogar de Día Illia.* Bedaŭrinde, la sekretariino diris ke la kurso unue celas nur la geemeritulojn, tamen poste certe ili permesos al ĉiuj ajn partopreni.

*René Arce*

## Instituto Argentino de Esperanto kaj Unesko

CÓRDOBA. La projekto "Esperanto por paco" de la Instituto de Esperanto (*Córdoba*, Argentino) estas de hodiaŭ nun unu el la projektoj de la Jardeko por Kulturo de Paco de UN/Unesko.

Ĝin oni trovas ĉe:

http://www.unesco.org/cp.

La celo de la projekto estas kontribuo al la Kulturo de Paco per faciligo de komunikado, interkompreniĝo kaj amikeco inter la popoloj de ĉiuj landoj, rasoj kaj sociaj klasoj.

Ni instruas Esperanton rete, **http://www.institutoesperanto.com.ar**, ĉar la internacia lingvo estas bonega ilo por plenumi tiun celon.

La Instituto de Esperanto estis akceptita en la retejo de Unesko kiel aganto registrita en la kadro de Universala Esperanto-Asocio, kiu estas partnero de Unesko por la Jardeko por Kulturo de Paco.

*Renato Corsetti, Via del Castello 1*
*IT-00036 Palestrina, Italio*
*<renato.corsetti@esperanto.org>*

## Brazila E-Kongreso en *Porto Alegre*

AEL INFORMAS. Ni estas invitata partopreni en la 40-a Brazila Kongreso de Esperanto, kio okazos en *Porto Alegre*, je la 19-23 de julio 2005. Ĉar samtempe kaj kune okazos ankaŭ la 25-a Junulara =>

### Necochea

S-ano Juan Angel Diaz, informis ke prof. Enrique Balech, estas en bona sano kaj partoprenis en publika festo dum kiu la urbestraro omaĝis lin.

### Buenos Aires

Nia s-no Floreal Villar, ankaŭ estas en pli bona sano, sed post operaciita devis resti hejme.

Junulara Sekcio




Argentina Esperantista Junulara Organizo

*En revuo TEJO TUTMONDE, aperis raporton pri Argent-EJO (n-ro 108 -2004:6 - paĝo 16)*

"En Asembleo de Argentinaj Esperantistoj en februaro 2004 reaktiviĝis Argent-EJO kun nova kunordinanto: s-ino Elisa Vázquez Abraham kaj oni aliĝis 25 membroj. Ni volas ke Esperanto estu interesa por gejunuloj kaj ke ili entuziasmiĝu pri ĝi. Ni opinias ke ni ne bone agadas, ke io ne bone funkcias. Oni devas elpensi pri pli efikan manieron disvastigi Esperanton…

Ni planas komence kunveni du foje monate kaj poste ĉiusemajne.

Ni havas rilatojn kun BEJO, la junulara organizo el Brazilo kaj kun Flavio Rebelo por kunlaboro en la informado ene de la entrepreno "Ĝangalo".

Same ni aliĝis al SEL, Skolta Esperanto-Ligo, por disvastigo de Esperanto en la 12-a TutAmerika Skolta Ĵamboreo en nia lando, kie estas tre granda ŝanco, ĉar partoprenos 12 mil skoltoj inter 14 kaj 17 jaraĝaj. Ni spektos filmon kun Esperantaj subtitoloj, kaj esperas organizi kursojn por Skoltoj.

Mi baldaŭ parolos kun la estraro de nia Universitato (mia fako estas "Turismo") kun propono ekrilati kun ĉinaj studentoj por ke ili povu lerni la hispanan, ĉi tie per Esperanto. La Argentina Registaro havas nun tre gravan rilaton kun Ĉinio, do estas grava ŝanco por nia ekonomio, kaj aparte por turismo." ***Daniel M. Lucero***

<= Brazila E-Kongreso, AEL aŭspicias kaj pretas apogi por ke tia partopreno okazu fare de kelkaj el niaj membroj de Argent-EJO. Mikaelo Ruffinengo el *Rosario*, ŝatus vojaĝi ene de la grupo. "Tutmondiĝo kaj frateco" estos la temo de la Kongreso.

Nia laboro por Esperanto en la Merkosudo kaj Unio Sudamerika urĝe bezonas komunan politikon en en la agado, interŝanĝon de informoj kaj instruistoj, librojn, instru-materialon kaj nun ankaŭ rapida organiza kunlaborado por disvastigi la E-lingvon ene de la skoltaro, ktp.

Tia ĉi kongreso, en loko iom proksima al ni, estus bona okazo por sukcesaj samideanaj renkontiĝoj.

Eblas havi senpagan loĝadon dum la kongreso. Informiĝu ĉe:

**http://www.lujz.org/bke/**

# UEA fariĝis pli granda en 2004

ROTTERDAM. La kresko de la membraro de Universala Esperanto-Asocio, kiu komenciĝis en 2003, plifortiĝis en 2004. UEA havis pasintjare entute 18002 individuajn kaj aligitajn membrojn. Tio superas per 1024 la membronombron en 2003 (16978) kaj per 1740 tiun en 2002 (16262). Kompare kun 2003 la tuta membraro pligrandiĝis 6,0% kaj kompare kun 2002 per 10,7%. La nombro de landoj kun UEA-membroj kreskis el 111 en 2003 al 114 en 2004.

Pasintjare kotizis 5854 individuaj membroj, t.e. 140 (2,5%) pli ol en 2003. La distribuo inter la diversaj kategorioj estis (interkrampe la nombro en 2003): Membro kun Gvidlibro 403 (375), Membro kun Jarlibro 1224 (1197), Juna Membro kun Jarlibro 265 (231), Membro-Abonanto 2863 (2799), Juna Membro-Abonanto 136 (139), Dumviva Membro 823 (843), Juna Dumviva Membro 25 (23), Dumviva Membro kun Jarlibro 33 (26), Juna Dumviva Membro kun Jarlibro 10 (6), Honora Membro 62 (65), Honora Patrono 10 (10).

Ĝojiga estas la kresko de junaj individuaj membroj de UEA, kiuj samtempe konsistigas la individuan membraron de ĝia junulara sekcio TEJO. En la junularaj kategorioj kotizis entute 436 individuaj membroj. Kompare kun 399 en 2003 temas pri kresko de 9,3%. Inter la aligitaj membroj estis 1840 junaj, kio estas iom malpli ol en 2003 (1908). Parto de la junaj aligitaj membroj preterpasis la aĝolimon, sed parte la nombro fluktuas ĉiujare ankaŭ pro tio, ke ne ĉiuj landaj asocioj registras la aĝon de siaj membroj, pro kio raportante al UEA ili taksas la nombron de siaj junaj membroj.

Pozitiva evoluo en 2004 estis ankaŭ la rekresko de la nombro de pagitaj abonoj de la revuo *"Esperanto"* el 4049 al 4118. Krom 3919 individuaj membroj en la revuaj kategorioj, estis 199 ne-membraj abonantoj (170 en 2003). Post multjara falado ankaŭ la junulara revuo "Kontakto" denove registris kreskon kaj havis en diversaj kotizkategorioj entute 839 pagintajn ricevantojn (828 en 2003).

Laŭ landa membrostatistiko aperas en la aprila numero de la revuo "Esperanto". Kotizpagoj por 2004, kiuj atingas la Centran Oficejon post la pretigo de tiu statistiko, estos inkluzivitaj en la definitivaj oficialaj ciferoj, kiujn oni publikigos en la Estrara Raporto pri la jaro 2004 en la junia numero de "Esperanto".

*Gazetaraj Komunikoj de UEA*
*n-ro 202; 23-03-2005*

# Forpasis la Kreinto de “Yumeiho” Terapio

Karaj samideanoj el la mondo:

Bedaŭrinde ni ricevis malĝojan novaĵon por “yumeihistoj”: La 1-an de marto 2005 forpasis majstro Masayuki Saionji, 61-jara, kreinto de “Yumeiho” terapio. Grandan, sinceran, kuraĝan kaj veran homon perdas la Monda “Yumeiho” Societo (MYS) kaj la Esperanta movado el la mondo.

Ni diskonigas la novaĵon el “Yumeiho Centro”, de Tokyo, por honorigi lian laboron pri “Yumeiho”, favore al la sano de la homaro.

Ni esprimas niajn sincerajn kondolecojn al siaj familianoj.

Subskribas: Francisco Briel de Cañas, Regiona Direktoro de MYS por Latinameriko kaj Karibio, Vicdirektoro pri instruado de MYS; Fráncel Briel Gil, Regiona Vicdirektoro de MYS por Latinameriko kaj Karibio, Regiona Komisiito pri instruado; “Yumeihistoj”, samideanoj kaj esperantistoj.-

## 5-a Monda Socia Forumo

De la 25-a ĝis la 31-a de januaro 2005, okazis en *Porto Alegre*, Brazilo, renkontiĝo speciala por la junularo. Temis pri la 5-a Monda Socia Forumo, senkompara mondskala evento kun partopreno de ĉ. 155 mil personoj venintaj el 135 landoj el la kvin kontinentoj. Politikistoj, ekonomikistoj, ekologoj, muzikistoj, lingvistoj, gejoj kaj plurfakaj grupoj kies espero estas edifi al pli justa solidara kaj interkompreniĝa mondon. Do, denove la regiona esperantistaro kaptis tiel unikan okazaĵon por disvastigi E-on. Budo, prelegoj, unuhora kurso, ktp., helpis la ĉeestantan publikon kompreni la gravecon kaj facilecon lerni E-on. *[revuo Esperanto, marto/05]*

Reflexiones

# ¿Cuál es...

El día más bello? **Hoy.**
La cosa más fácil? **Equivocarse.**
El obstáculo más grande?
**El miedo.**
El error mayor? **Abandonarse.**
La raíz de todos los males?
**El egoísmo.**
La distracción más bella?
**El trabajo.**
La peor derrota? **El desaliento.**
Los mejores profesores?
**Los niños.**
La primera necesidad?
**Comunicarse.**
Lo que hace más feliz?
**Ser útil a los demás.**
El misterio más grande?
**La muerte.**
El peor defecto? **El mal humor.**
La persona más peligrosa?
**La mentirosa.**
El sentimiento más ruin?
**El rencor.**
El regalo más bello? **El perdón.**
Lo más imprescindible? **El hogar**
La ruta más rápida?
**El camino correcto.**.
La sensación más grata?
**La paz interior.**
El resguardo más eficaz?
**La sonrisa.**
El mejor remedio? **El optimismo.**
La mayor satisfacción?
**El deber cumplido.**
La fuerza más potente del mundo?
**La fe.**
Las personas más necesarias?
**Los padres.**
**La cosa más bella de todas?**
**¡El amor!**

***Madre Teresa de Calcuta***

# INTERNACIONALES en pocas lineas

## ♦ Congreso Universal de Esperanto

El 90° Congreso Universal de Esperanto se realizará en Vilna, Lituania, del 23 al 30 de julio de 2005. Información sobre los detalles organizativos y adhesiones pueden obtenerse, en esperanto, visitando la página de UEA:
http://www.uea.org/kongresoj/uk2005.html

## ♦ Las más visitadas en la Red

**Vikipedio:** "Wikepedia" es la enciclopedia multilingua más ambiciosa en Internet. El sitio de Vikipedio en esperanto recibió durante el año 2004 unas 3000 "visitas" diarias.

<www.wikipedia.org>
<http://eo.wikipedia.org>

**Gxangalo:** es la agencia de noticias cuya página en esperanto colapsó a fines del 2004 por la gran cantidad de "visitantes".

<www.gxangalo.com.>

**UEA**: Le siguen en popularidad las páginas de UEA, SAT y Esperanta Civito.

## Universala Kongreso 2006

INFORMITALE 44 [Oficiala inform-servo de Itala Esperanto-Federacio].

La unua versio de la ret-paĝaro de la Universala Kongreso en Florenco en 2006 jam funkcias.

Provu ĉe **www.ukflorenco2006.it**

Ĝi momente celas ĉefe informi italojn pri Esperanto kaj pri Esperanto Kongresoj kaj ĝi funkcias kunlige kun la paĝaro:
**www.esperanto.it**. Tamen jam ankaŭ troveblas kelkaj turismaj informoj pri Italio, Toskano kaj Florenco. Pliaj informoj pri la UK ĉe:
<uk2006.informoj@esperanto.it>.

## ♦ 1905-2005: a 100 años del 1° Congreso de Esperanto

Se cumplieron 100 años desde la realización del 1° Congreso Universal de Esperanto en Boulogne-sur-Mer, Francia. Para festejar tan importante acontecimiento los esperantistas franceses organizaron un encuentro en la histórica ciudad, del 25 al 30 de marzo. Por su parte UEA realizó un simposio en la *Université du Littoral Cote dOpale,* el que contó con la participación de grandes personalidades del mundo esperantista actual.

## ♦ Hotel "ESPERANTO" en Alemania

Próximamente, -octubre 2005-, será inaugurado el grandioso hotel, y centro de congresos: PLAZA ESPERANTO, en la ciudad de Fulda, al nordoriente de Francfort del Meno. El Centro Esperanto estará destinado a diversas actividades: congresos, conciertos, exposiciones y por supuesto a la hotelería y con amplias comodidades deportivas, gastronómicas, sauna, piscina, etc.

Visite la página Web de AEL:

**www.esperanto.org.ar**

y envíe su opinión y/o sugerencias a:

<esperanto@neunet.com.ar>

# E-agado en Patagonio

***-laŭ Patagonia Bulteno n-ro 31***

Kial ni lanĉas trimonate nian senpretende modestan Patagonian Bultenon? Ni faras tion por montri ke en Patagonio ekzistas esperantistaj kernoj kiuj agadas, informas, varbas, instruas. Tio eble stimulas aliajn samideanojn dediĉi pli da tempo kaj laboro al la plej idealisma lingvo de la homaro. Krome, ni intencas flegi perbultene kontaktojn ankaŭ kun tiuj, kiuj iam lernis nian lingvon, kvankam ili eble ial malproksimiĝis jam de nia agado. (Pro tio ni neniam nomas ilin "fi-malfidelulaĉoj" kvankam tiu ĉi vorto plaĉas al ni multege).

En oktobro la sekretario de BER tute hazarde konatiĝis kun du nederlandaninoj (nome Evy kaj Joyce) en la urbo *Bariloche.* Ili ne sciis, kio estas Esperanto. Tio estis tiom pli surprize ĉar unu el ili loĝis eĉ en *Rotterdam*, sidejo de la Centra Oficejo de Universala Esperanto-Asocio. La sekretario invitis ilin al sia domo kie li enkondukis la du virinojn al Esperanto pere de la Centminuta Metodo. La du freŝe bakitaj preskaŭ esperantistinoj forvojaĝis la sekvantan tagon. Sed antaŭe ili promesis daŭrigi sian okupon pri nia lingvo.

Meze de oktobro BER ricevis "Unuan Elbolsonan Bultenon" kun mesaĝo ke la "Elbolsona E-Rondo" intencas eldoni ekde nun tian publikaĵon por praktiki nian lingvon. Nome de BER ties sekretario gratulis letere la tieajn esperantistojn dezirante al ili multe da sukceso.

Dum la sama monato Mariano García kontaktis denove BER-on kie li lernis Esperanton antaŭ kelkaj jaroj. Konsiderante lian intereson pri interreto, ni rekomendis al li interkomunikiĝi kun nia landa ĉefdelegito Rubén Sánchez. Ankaŭ Mariana Roselli lerninta Esperanton en nia rondo reaperis. Viviana Laura González ekde pluraj monatoj sin dediĉas al lernado.

En novembro nin ĝojigis letero de pastro Valeriano Casado, UEA-delegito en la ĉilia urbo *Osorno*. Aldone li sendis E-tradukon de fama poemo de Fray Luis de León, trafe verkitan de li.

En novembro kaj decembro José González García (kiu dum pli ol dek jaroj estis direktoro de *"Escuela de Bellas Artes"* en urbo *Roca, Río Negro*), sia edzino Beatriz, la geedzoj Troyon kun sia amikino Elena estis enkondukataj en nian lingvon laŭ la Centminuta Metodo.

Al ĉiuj legantoj kaj legontoj ni deziras feliĉajn festotagojn kaj prosperan novan jaron 2005.

*Bariloche/Neuquén, decembro 2004*

"La feliĉeco radikas je feliĉigi aliulojn"
***Baden Powell,*** *[skolta fondinto]*

# Anoncoj

## ¡ATENCIÓN!

***A nuestros socios y contactos:***

Frecuentemente nos sucede que perdemos contacto con algún socio o esperantista, mayormente por falta de actulización de la dirección postal o del correo electrónico [E-mail]. Por tal motivo, rogamos a todos aquellos que reciben nuestra revista ***AE-Vento***, *[“Papera” ó “Reta Versio”]* y que por una u otra razón cambien de dirección, NOS LO HAGAN SABER LO ANTES POSIBLE, ASI NO PERDEREMOS EL CONTACO Y NUESTROS ENVIOS NO SE EXTRAVIARAN. Gracias.

## Pasporta Servo: un servicio de hospedaje gratuito

El servicio mundial de hospedaje gratuito de TEJO para esperantistas, denominado en esperanto **Pasporta Servo**, ha publicado y distribuido, la edición año 2005, del libro con la lista de servidores. Un total de 1364 “gastigantoj” en 88 paises se han ofrecido para recibir huéspedes que hablen la lengua internacional.

Argentina ofrece 25 oportunidades en diversos puntos de nuestro país.

Otros datos interesantes sobre la información del **Pasporta Servo 2005:** Total de ciudades que ofrecen hospedaje: 827; país con mayor número de ofrecimientos: Francia (148); ciudad con mayor número de “servidores”: Poltava, Ucrania, (19); anfitrión que acepta mayor número de huéspedes: Sr. Balazs, Gheorgheni, Rumania, (69); anfitrión que ofrece mayor cantidad de noches: Sr. Vieira, Goiania, Brasil, (40); anfitrión con mayor edad: Sra Wrigley (1917) Huddersfield, Gran Bretaña; anfitrión más joven: Sr. Battaglia (1988), Buenos Aires y Sra. Quiddoos, (1988), Multan, Paquistán; oferta más interesante: Sr. Chikachov, Omsukchan, Rusia, es posible visitar el Polo, al norte de Ojmmjakon, con invernales temperaturas de –72 ° C.

El servicio **Pasporta Servo** comenzó en el año 1966, gracias a una idea de Rubén Feldman González miembro cofundador de Argent-EJO, *[Argentina Esperantista Junulara Organizo]*. En 1974 el servicio PS pasó a UEA a través de su sección juvenil TEJO, *[Tutmonda Esperantista Junulara Organizo]* el cual supervisa y promociona este servicio que caracteriza al movimiento esperantista.

## Esperanto en Instituto de Lenguas de Buenos Aires

AEL-Informas:

**“ESPERANTO EN EL MUNDO”** es el nombre de un nuevo centro de enseñanza de idiomas en Buenos Aires.

Un grupo privado de profesores ha establecido en la calle Arenales 2021-PB, una academia de enseñanza de doce idiomas, que lleva el nombre de “Esperanto en el mundo”. Según su Directora, Alejandra Sakarova, nacida en Rusia, se enseñarán, con profesores en lo posible nativos, los siguientes idiomas: ruso, chino, francés, alemán, polaco, portugués, italiano, hebreo, español para extranjeros, griego moderno e inglés. Por supuesto que el ESPERANTO, será el idioma que dará razón de ser a todos los demás, como IDIOMA INTERNACIONAL. El prof. Alfredo J. Valle, ha sido contratado para este fin y los cursos comenzarán apenas haya inscripción de alumnos.

http://www.idiomasesperanto.com

Algo similar ya existe en California, USA, con la ***CARYMAR ACADEMY*** que tiene su propia lista Yahoo trilingüe, Esperanto-Inglés-Español:
http:// www.garymar.org
http://www.garymar.org/pdf/ILD.PDF
http://groups.yahoo.com/group/SD-Esperanto/

## E-rondo en *Necochea*

BUENOS AIRES. Dum unua semajno de marto, okaze de mia vojaĝo al *Necochea*-urbo, [nekoĉea] , -ĉe la suda marborde de Bonaero-provinco, mi profitis viziti profesoron. Enrique Balech, kune kun s-ano Juan Angel Diez, sia amiko kaj s-ano kiu loĝas tie. Prof. Balech, 94-jara, estis operaciita, kaj ankoraŭ devis ripozi, sed fartas bone. Do, ni tri decidis reaktivigi E-rondon "Verda Stelo" en *Necochea*, por doni ŝancon al grupeto de Skoltoj de la urbo kiu decidis lerni Esperanton.

S-ano Diez, akceptis esti delegito de AEL, en *Necochea.* Ambaŭ elkore sendis varmajn salutojn al ĉiuj movadanoj. *RoSar.*

# Ni ricevis

AEL kaj la Redakcio dankas pro la jenaj E-aĵoj kaj revuoj ricevitaj: La KancerKliniko [FR], Bazaro [RO], Heroldo de Esperanto [CH], Esperanto [NL], Avanco [CU], Kosmos [DK].

## Libroservo

Para obtener material impreso en y/o sobre esperanto consulte al Libroservo de AEL, visite nuestra página Web, o escriba a:
<arserene2002@yahoo.com.ar>
**René Arce**
**9 de Julio 1586**
**X5000 Córdoba**

## Vojaĝo per Esperanto

Marino Curnis (*1973) itala esperantisto preparas grandan vojaĝon piedirante el Italio ĝis Japanio...: "Eurasia pedibus calcantibus": Kvin jaroj, 26 landoj, 40.500 kilometroj.

Celoj: Esperanto kaj Paco en tutmonda interkompreno ene de frata diverseco. Oni povos sekvi la vojaĝon pere de la reto:
<www.eurasiapc.com>
(En esperanto, itala kaj angla.)

[Si tratta della presentazione del mio prossimo viaggio, EURASIA PEDIBUS CALCANTIBUS, un viaggio a piedi dall'Italia al Giappone e ritorno attraverso 26 nazioni e lungo 40.500 chilometri].
Kontaktu: Marino Curnis
<mkurnys@yahoo.it>

# Pri "Ĵamboreo 2005" en revuo *Esperanto*

*(marto 2005, paĝo 69)*

Artikolo pri la 12-a TutAmerika Skolta Ĵamboreo 2005, *[San Rafael, Mendoza]*, aperis en revuo de UEA. La raporton verkis d-ro Roberto Rezende, prezidanto de SEL- [Skolta E-Ligo fondita en 1918], kun fotoj pri la partopreno de Marcelo D. Lucero kaj Fernando Inocencio.

Okaze de tia agado, SEL reaktiviĝis. La instruado de Esperanto ene de la tutmonda skoltaro estas ankaŭ prioritaro mem de UEA, tiel ke prezidanto Renato Corsetti komprenis la gravecon de tiu okazaĵo kaj petis la samideanaron sendi salutkartojn al la evento. En kontakto kun la Ĝenerala Sekretario de Monda Skolta Movado, ili sukcesis kapti lian simpation al Esperanto.

Neuquén

## Un egresado en las noticias

***Revista del colegio Otto Krause, Neuquén, diciembre 2004***

Un “krauseano” al frente del esperantismo argentino es co-fundador de la Escuela Argentina de Esperanto, adonde ofrecen cursos gratuitos.

Desde hace ya algunos años, un egresado de nuestra escuela es el Delegado de la Asociación Mundial de Esperanto *(Universala Esperanto-Asocio, UEA,* <www.uea.org>) para toda la República Argentina.

Rubén Sánchez, C '83, también es miembro de la Liga Argentina de Esperanto (www.esperanto.org.ar) y co-fundador de la Escuela Argentina de Esperanto. Todas estas instituciones sin fines de lucro tienen la principal tarea de difundir el idioma internacional que fuera creado hace ya más de cien años, por el Dr. Luis Lázaro Zamenhof.

Quienes deseen mas información, además de la posibilidad de estudiar gratuitamente, via Internet, éste fascinante y democrático idioma planificado, pueden visitar los enlaces arriba mencionados. ¡Ideal para los que sufren por el inglés!

## Kolokvo kun E. Ellemberg

En Bonaero, en la sidejo de BEA, la 14-an de majo, okazis kunveno kun prelego de nia vizitanto Enriko ELLEMBERG, ĵus alveninta el Kalifornio, Usono. La temoj: "Travivaĵoj dum la UK, Pekino" kaj *"Pasos para aprender y usar el Esperanto".* Oni invitis gelernantojn, NESTO-studentojn kaj ĉiujn ges-anoj el la urbo. *[daŭrigota]*

# El la Leterkesto

### Gratulon!

Multajn dankojn al vi pro la lasta numero de la revuo de Argentina Esperanto-Ligo.

Legante ĝin, oni komprenas, ke la agado de Argentina Esperanto-Ligo retrovis ritmon, celon kaj amplekson, pri kiuj povus envii pluraj aliaj landaj asocioj agantaj en landoj sen tiom da problemoj. Gratulojn al AEL!

Amike,

*Renato Corsetti, UEA-prezidanto.*

### Invito

Mi sincere dankas pro la sendo de via revuo AE-Vento kaj **invitas** al la argentinaj geesperantistoj verki pri siaj plej feliĉaj travivaĵoj kaj sendi ĝin al la redaktejo de BAZARO, [kvaronjara kaj Esperantlingva revuo eldonita en Cluĵ-Napoca, Rumanio]. Via rakonto aperos sub la titolo “Kiam mi estis la plej feliĉa en la vivo!” Ni atendas vian rakonton. Koran antaŭdankon!

Samideane kaj sincere via:

*Júlia Sigmond, Kluĵo, Rumanio.*

*<jusi@freemail.hu>*

### Diskonigo

Karaj samideanoj: Mi ricevis revuon *AE-Vento*. Dankon! Mi re-sendis ĝin [1 ekzempleron] al samideano en Francio kiu neniam estis pensanta pri argentina Esperanto. Eble li nun jam komunikiĝis kun kelkaj argentinaj samideanoj.

Mi salutas al vi ĉiuj.

*Nélida Monasterio,*

*Bolivar, Buenos Aires.*

**Ĉu vi jam aliĝis al AEL?**
**Informiĝu ĉe paĝo 2**

## MESAĜO EL GERMANA ESPERANTISTO

www.ikue.org/tit912_03.html

**Papo Benedikto la 16a estas elektita.**

Ni germanoj ege ĝojas pri la nova papo. Komence de la 80aj jaroj profesoro Josef Ratzinger gvidis miajn spiritajn ekzercojn, kiujn mi bone memoras.

Kaj liaj vortoj kaj libroj ĉiam ravis min. Li estis tiu teologo, kiun mi ĉiam legis kun granda plezuro.

Lia nomo estas interesa programo.

Se mi rigardas kelkajn farojn de lia antaŭulo Benedikto la 15a, mi memoras, ke li:

1. ege laboris por paco dum la unua mond-milito La ŝtataj responsuloj ne aŭskultis lin, same kiel ili ne aŭskultis la klopodojn de la - nun beata - aŭstria imperiestro Karlo, fini la militon.
2. Post la milito Benedikto la 15a forte laboris kontraŭ la tro malmolaj kondiĉoj de la venkintoj kontraŭ la venkitoj.

Tiuj tro duraj punoj detruis la fundamentojn de la unua demokrata germana ŝtato, nomita respubliko de Weimar, kaj nun la sekvoj de tiu troa dureco estis Hitler kaj lia "junular-movado" NSDAP kun eĉ pli terura dua mondmilito.

3. Interne de la eklezio Benedikto la 15a finis la "antimodernisman" agadon de lia antaŭulo Pio la 10a repacigante la modernajn kaj konservativajn fortojn en la eklezio.

Por mi aperas tiel tri ĝermoj en la volo de nia nova papo Benedikto la 16a:

1. Daŭrigo de la klara kontraŭmilita laboro de Johano Paŭlo la 2a;
2. Postulo, ke post kaj anstataŭ milito estu justa paco, do la ege grava postulo de la profetoj: Se vi volas la pacon, kreu justecon.
3. Klopodo repacigi la modernistojn kaj la konservativajn fortojn en la eklezio.

Neniu estas pli taŭga por tia laboro ol Josef Ratzinger.

Ni preĝu por la nova papo. Li jam delonge volis retiriĝi kaj skribi ankoraŭ kelkajn librojn, kiuj nun restas ne-skribitaj. Sed ni povas atendi interesajn papajn enciklikojn

*Kore salutas vin, Bernhard Eichkorn*

**Redakcio de Argentina E-Ligo:** Calles 119 y 122, AR-H3700FTT Pres.R. Sáenz Peña, Argentino

**AL**



